21a Jaro - No 4 (218) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Aprilo 1935


# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

Oficiala Organo de Belga Ligo Esperantista



DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)



Poŝtĉeko de la LIGO: No 1337.67 (Wilrijck)
Por anoncoj: H. PÉTIAU, St. Lievenslaan, 60, Gento


Post unu Jaro

## "Pilgrimado al Tombo de kara Mortinto"

Jam unu jaro forpasis de la momento, kiam tra Belgujo kaj la tuta Esperanta mondo, iris la novaĵo pri la morto de nia Prezidanto. S-ro Frans Schoofs.

Okaze de tiu datreveno, la Reĝa Esper. Grupo de Antverpeno « La Verda Stelo », organizis Dimanĉon, la 10an de Marto, pilgrimadon al la Tombo de la bedaŭrata amiko.

Je la 11-a matene, kunvenis tie multaj Esperantistoj, i.a. S-roj Maur. Jaumotte, Prezidanto de la organizanta Grupo kaj Kasisto de « Belga Liga Esperantista »; Morris De Ketelaere, ĉefdelegito de U.E.A.; Gustave Vermandere, Prezidanto de « Belga Esperanto-Instituto » kaj la aliaj gvidantoj S-roj Boffejon, vicprezidanto, Aug. Faes, sekretario, De Coster, Kasisto de « La Verda Stelo ».

Ĉe la tombo, ili renkontis S-inon Fr. Schoofs, la etan Leonon kaj diversajn gefamilianojn.

La ceremonio antaŭ la tombo estis tutsimpla. Post kiam ĉiuj estis ekstarintaj ĉirkaŭ la tombo, S-ro Jaumotte elparolis meze de la plej malvarma silento, la paroladeton, kiun ni represas ĉisube:

pri la granda malforteco de la malsanulo, kaj la ĉiam pli kaj pli malpliiĝanta espero je savo kaj, fine, pri la funebra novaĵo: La Morto.

Unu jaro jam forpasis... Ni ne volis, okaze de tiu datreveno, organizi grandan manifestacion, sed, ĉar ni tamen estis certaj, ke la familio, je tiu memortago, venus tien ĉi, ni volis esti apud kaj kun ĝi, por atesti nian grandan simpation en ĝia doloro.



Estimata Sinjorino Schoofs,
Estimataj kaj karaj gesamideanoj,

Kiam ni, antaŭ kelkaj monatoj, grandnombre venis ĉirkaŭ tiun ĉi ŝtonan dometon, tiu enterigejo estis kiel granda bela parko: verdaĵo sur la arboj, blua ĉielo, hela suno... kiel helaj estis ankaŭ la sentoj, en nia koro, pro kontenteco pri la plenumita devo.

Hodiaŭ la vetero estas malvarma kaj ventego blovas terure super niaj kapoj... Malvarma, kiel estis malvarme en nia koro, kaj blovas, kiel blovis terure la pensoj tra nia cerbo, kiam, ĝuste antaŭ unu jaro, ni sciiĝis, preskaŭ abrupte kaj sinsekve, pri la laŭŝajne ne grava malsano; pri la operacio;

Ni ankaŭ volis, per nia ĉeesto en tiu ĉi horo, atesti pri la fakto, ke sekvante lian ekzemplon ni, dividinte la taskojn, marŝis sur la paŝojn de la formortinto; ni volis atesti, ke lia forfalo ne pereigis la grandan propagandan laboron, kiun li faris kaj ree promesi al li, fidele, en la estonto, daŭrigi liajn klopodojn, kvazaŭ li ankoraŭ ĉeestus inter ni; ni volis ankaŭ atesti, ke ni, amike kaj sincere, volas daŭrigi la rilatojn, kiuj ligas nin ĉiujn al tiuj, kiuj postrestis kaj estas kun tiu ideo kaj celo, ke mi, nome de ĉiuj belgaj Esperantistoj, ne nur de la organizanta grupo « La Verda Stelo », sed ankaŭ de « Belga Ligo Esperantista » kaj « Belga Esperanto-Instituto », volas meti tiun ĉi garbon sur la tombon de nia bedaŭrata amiko.

# LITERATURO

## La Lazura Marbordo

### (MONAKO KAJ MONTE-KARLO).

... Ni fine alveturis al la celo de nia vojaĝo. Kia bela vidaĵo min ĉarmegas. La maro, senfina, unuflanke; aliflanke, la montoj kun sia riĉa kreskaĵaro: spacoj vastegaj de dolĉverdaj olivujoj ; sube, en la ĝardenoj, palmarboj, oranĝoj kaj citronoj. Ofte la vagonaro tiel alproksimiĝas al la marbordo, ke ŝajnas al mi, ke ni veturas sur la akvo ; je ĉiu kurbiĝo de la bordo, oni trapasas la monton : multegaj tuneloj intersekvas.

Ni preterveturas Nice'on, kaj vidas antaŭe la enfluejon de la Var (ĉe St-Laurent du Var). Poste Villefranche... Beaulieu... Nia koro ekbatas. Ni estas en Monako. La landon de miaj revoj, fine mi povis ĝin vidi. Je l'unua momento, ni estis iom seniluziigitaj. Ni interrigardis nin, mia frato kaj mi. Ĉu tio estas Monako ? Sed baldaŭ ni ne plu kapablis sufiĉe varme esprimi nian admiron.

La akcepto ĉe miaj parencoj estis korega. Ni estis nun tiel feliĉaj, fine trovi hejmon, kie ni povis refortiĝi post nia laciga vojaĝo. Kaj estis granda ĝojo por ni revidi mian kuzinon post deksesjara disiĝo. Ni konatiĝis kun ŝia edzo, Ŝtata konsilanto kaj sekretario de l'Monaka Gubernisto, kaj kun ilia dektrijara fileto, juna scienculo.

El ĉiuj lokoj, kiujn mi vizitis ĉe la Lazura Marbordo, mi plej ŝatas Monakon. La Malnova Monako, la administracia parto de l'princlando, sin etendas sur ŝtonego, kiu antaŭiĝas en la maron kvazaŭ duoninsulo. Tie staras la princa palaco, la Registrarejo, la Urbdomo, la Ĉefpreĝejo, monaĥejoj, edukejoj k.t.p. La monduma parto, la hoteloj, kampodomoj, kaj la belega Kazino estas en Monte-Karlo, kiu ankaŭ antaŭkurbiĝas en la maron. Inter tiuj du partoj, ĉe la marbordo, kaj sube ĉe la montflanko, sin etendas Condamine, kie troviĝas ankaŭ multaj kampodomoj kaj hoteloj. Sed administracie nenia limo ekzistas. Monako, Monte-Karlo kaj Condamine nur formas unu ŝtato, unu princlando.

Mi malfacile sukcesos priskribi la belecon de Monako. Ĉie la maro, la senlima blua maro, blua ĉielo, dolĉa klimato. Belegaj hoteloj, agrablaj kampodomoj, kiuj etendiĝas ŝtupare de la bordo de l'maro ĝis sur la flanko de l'alta montoĉeno, kontraŭ kiu la tuta Monaka lando trankvile ripozas. La imponanta Hundkapo (Tête de chien) ĉion superregas kaj ŝajnas gardi la ŝtateton. Sur la monto, malgraŭ la ŝtonega tero, multe da verdaĵo, multaj olivarboj, gigantaj alofolioj ; kaj en la ĝardenoj, luksaj palmarboj, oranĝoj, citronoj, floroj. Belagaj publikaj parkoj : en Monte-Karlo la vastaj ĝardenoj ĉirkaŭ la Kazino, kiuj unuflanke malsupreniĝas per ombrumitaj vojetoj ĝis la bordo de l'maro, kaj montras aliflanke larĝan aleon kun admirindaj palmarboj, kaj ĉiakolorajn kaj bonodorajn florbedojn ; en Malnova Monako, sur la rando de l'ŝtonego, la ĝardenoj de St-Martin kaj Ste-Barbe.

Eĉ el mia fenestro, en vilao en Condamine, estas rava la pejzaĝo : la ĝardeneto, kun siaj oranĝujoj kja citronujo ; la granda alofoliaĵo sur la deklivo laŭ la fervojo ; kaj, trans tiu vojo, kontraŭ la monto, ĉarmaj kampodomoj, ornamitaj per floroj kaj verdaĵo ; kaj super ĉio la alta Hundkapo, sin majeste profilanta sur la blua ĉielo.

En la stratoj de Monako kaj Monte-Karlo moviĝas sufiĉe granda homamaso, multaj veturiloj kaj aŭtomobiloj. En Monte-Karlo precipe oni rimarkas la riĉajn vestaĵojn de la mondumaj virinoj. La lingvoj tie uzataj estas la franca kaj la itala. Sur la magazenoj, oni povas legi multajn italajn surskribaĵojn. La popola lingvo, « monégasque », sonoras por ni kvazaŭ itale.

La princa palaco fiere staras sur la ŝtonego de la Malnova Monako, ĉe la kuniĝo de tiu duoninsuleto kun la kontinento. Kiam la princo vojaĝadas, la publiko povas viziti la palacon, kiu enhavas grandvalorajn trezorojn. Dum mia restado en la princlando, la princo ne estis for, kaj vizito de lia domo ne estis permesita.

Antaŭ la palaco etendiĝas granda publika placo, kiu duflanke rigardas la maron kaj estas ĉirkaŭita per malnovaj kanonoj. Kontraŭ la palaco staras la soldatejo de la Honorgvardio. Laŭ la remparoj, provizitaj per paftruoj, oni mulsupreniras al Condamine. De la ĉefpreĝejo, konstruita antaŭ kelkaj jaroj, oni havas belan vidaĵon sur la maro ; ĉarma ĝardeno sin etendas malsuprenirante de la preĝejo ĝis la ŝtonegrando. Ni ĉeestis la Paskmeson, imprsan solenon kun militista muziko, belaj ĥoroj kun virinvoqoj, kaj la tuta Monaka estraro, vestita per uniformoj.

Ĉe l'ekstremaĵo de la duoninsuleto, en la pacaj ĝardenoj de St-Martin, oni estas konstruanta beleganan oceansciencan Muzeon, kie oni konservos la interesajn kolektojn de princo Albert. De tiu Muzeo, kiu elstaras sur la kruta ŝtonegrando, oni ĝuas imponantan vidaĵon sur la senlima maro ; oni nur vidas aeron kaj akvon ; ĉio cetera estas kaŝita por la okuloj ; oni sin kredus izolita je mejloj de ĉiuj enloĝataj lokoj. En la granda festsalono, kiu jam estis finita (Aprilo 1902), okazis tiumomente la kongreso de la Paco, kaj ni ĉeestis parton de la diskutadoj. Ni ankaŭ vizitis la Akvarion, kiu senpere komunikiĝas kun la maro kaj enhavas malofta jn kolektojn da maraj estaĵoj.

Dum la kongreso, lumfesto kaj arta fajrado okazis en la haveno. Malnova Monako kun la Palaco, la tuta Condamine kaj Monte-Karlo estis brilege iluminitaj.

*(Daŭrigota.)*

(Antverpeno) Maria POSENAER.

*Majo 9-a.*

*Laŭ vojaĝimpresoj, de mi verkitaj en la jaro 1902-a.*
*(Aperis dum la milito en rusa Esp. revuo.)*

# La bona Amiko

*(Originala noveleto.)*

Posttagmeze en la klubejo, kelkaj viroj elegante vestitaj sidis en komfortaj brakseĝoj kaj demandis multajn informojn al la novalveninto ; fortaspekta viro tridekjara, kun vizaĝo brunigita de la tropika suno. Li jam estis multe rakontinta pri sia jusa reveno, kiam la plej juna el la amika rondo demandis : « Sed, Henriko, antaŭ via foriro ni neniam vidis vin tie ĉi sen via amiko Remondo, kie li do restis ? ».

Ĉiuj rimarkis ke ŝajne la demando ne tre ĝojigis la pridemanditon ; li momente hezitis sed tiam ekrakontis.

« Vi ĉiuj scias ke, kiam ni estis ankoraŭ buboj, ni ĉiam estis kune, ĉiam unu vi trovis apud la alia. Ni ankaŭ promesis reciproke, neniam edziĝi, ni duope luktos por pergajni nian vivon en Afriko !

Evidente tio nur estis diroj de junuloj, de infanoj kiuj nenion sciis pri la vivo, kiuj ne konis ĝiajn kapricojn. Remondo fianĉiĝis je Olga ; ili geedziĝis kaj foriris al Italujo ; mi ankoraŭ ricevis poŝtkarton el Napoli sed post tio ne plu aŭdis pri ili.

Kelkajn semajnojn poste, mi renkontis fraŭlinon. Ni ambaŭ plaĉis unu al la alia, kaj geedziĝis.

Antaŭ ol iri al Afriko por okupi mian tiean postenon, ni kune ŝipveturis al Capri.

La duan tagon posttagmeze ni sidis sur la teraso de la hotelo « Astre » ; alia paro envenis : Remondo kun Olga. Vi povas imagi la miron kaj post la prezento de mia edzino, la tujan rakontadon pri ĉiuj aventuroj kiujn mi havis post ilia foriro.

Dum la manĝado ni kore interbabilis kaj Elza kondutis tre amikece kontraŭ Remondo, ŝi ja sciis ke li estis ĉiam mia ununura amiko, antaŭ ol mi ekkonis ŝin.

Aliflanke Elza ŝajne tre plaĉis al mia amiko, ĉar li ne plu rigardis nin kaj daŭre parolis kun mia edzino.

Ĉe la deserto, dum ili ankoraŭ ambaŭ rakontis pri ĉio ebla, mi sentis unue premeton, poste premon de piedo kontraŭ la mia ; mi nenion diris kaj la alia piedo ankaŭ ne retiriĝis.

« Bonegaj oranĝoj ! » kriis surstrate iu enlandano, kiu portis grandan korbon. « Ĉu ni aĉetu kelkajn ? » afable proponis Olga al Elza « Jes ! » Ili ambaŭ ekstaris... mi ankoraŭ sentis la tamburetadon kontraŭ mia piedo.

Post tiu posttagmezo, mi neniam plu vidis mian « bonan amikon ». Henri RAYMOND

---

# La Reliefo de la Kinematografbildoj

En la antaŭa numero de Belga Esperantisto, ni parolis pri la fratoj Lumière kaj ilia laboro por la kinematografo.

Ni finis tiun artikolon per la deklaro, ke la filmarto ne jam atingis la finan celon, ke multo restas ankoraŭ farebla... kaj je la momento mem, kiam ni skribis tion, Louis Lumière, unu el la fratoj, prezentis al la Akademio de Sciencoj de Francujo sian novan perfektigon : la reliefon de la bildoj de la kinematografo.

Ni ĉiuj konas la stereoskopon, tiun aparaton, kiu prezentas al dekstra kaj maldekstra okulo diferencajn bildojn, kaptitajn per speciala aparato kun du objektivoj, starantaj je la distanco de la okuloj.

Por la reliefbildoj de la kinematografo, kiuj devas esti rigardataj el la diversaj lokoj de salonego, oni ne povas uzi la saman manieron, sed ja la saman principon :

Oni devas prezenti al ĉiu okulo alian bildon. Tial anstataŭ ol havi unu filmon, oni havos du en du diferencaj koloroj. Ĉiu rigardanto devos havi okulvitrojn en la samaj du diferencaj koloroj. Ĉar tra ĉiu vitro, oni nur vidos la filmon de la kontraŭa koloro, ĉiu okulo havos propran bildon... kiel en la stereoskopo, kaj la du bildoj, transsenditaj en la cerbo kaj tie supermetitaj, kiel ĉe la rigardado en la naturo donos la impreson de reliefo.

La eltrovo de Louis Lumière estas kompreneble iomete pli malsimpla, ol ni priskribis ĝin tie ĉi. Tio tamen estas la principo kaj ĉiuj, kiuj vidis la novajn filmbildojn en reliefo, esprimis sian tre grandan admiron por la maljuna kaj tamen ankoraŭ tiel lerta scienculo.

Oni povas diri ke la franca scienculo Lumière havas antaŭdestinan nomon, kiu en lia lingvo signifas « Lumo », fako de la sciencoj pri kiu li sin okupis dum sia tuta vivo.

ALFONSO JOHAN.

---

## BONHUMORO

LA SKOTA SANGO.

Tri sangotransverŝoj estis necesaj por savi la vivon de la malsanulino. Brava Skoto oferis sian sangon. La malsanulino donis al li la unuan fojon 10 sterlingajn funtojn, la duan fojon 5 sterlingajn funtojn, sed je la tria fojo ŝi jam havis tiom da Skota sango en la vejnoj, ke ŝi nur ankoraŭ diris : « Mi dankas vin... ».

ĜUSTA KALKULO.

Kalkulleciono en la lernejo.

— Nun, Karolo, imagu al vi ke via patrino donas vin kvin frankojn kaj irigas vin al la viandbutiko por serĉi malgrandan kolbason, kiu kostas du frankojn. Kiom redonos al vi la vendisto?

— Neniom, sinjoro.

— Sed, Karolo, kial...

— Ĉar ni ŝuldas al la vendisto ankoraŭ tri frankojn...

LA ERAROJ.

— La kuirlibro, kiun mi aĉetis antaŭ kelka tempo, tute ne estas bona, karulo. Ĉie troviĝas eraroj! Ĉu vi ne vidis ilin

— Vidis... ne, sed... gustumis!

# BELGA KRONIKO

## XXIV-a Belga Esperanto-Kongreso

**Bruĝo 8-9-10 Junio 1935.**

*8-a INFORMBULTENO :*

*Fervoja rabato.* — La kongresanoj ricevos specialan karton rajtigantan je rabato de 35 % sur la Belgaj Fervojoj kaj sur la Marŝipoj Dover-Oostende.

*Karavano el Britujo.* — Estas aranĝata de S-ro Fred. E. Wadham, 2, Heathdene Road, London, S. W. 16.

*Dimanĉa Festeno.* — Kostos 20 fr. (trinkmono enkalkulita).

*Lunda ekskurso.* — Per luksaj aŭtoĉaroj (kaj ne vagonare) de Bruĝo al Ostendo, al Knocke-Zoute kaj ree al Bruĝo. — Prezo de la tuta vojaĝo, kun vizito de la « Termopalaco » en Ostendo, proksimume : 15 fr. La komuna tagmanĝo en Knocke, kostos 15 fr. (trinkmono enkalkulita).

*Aliĝiloj kun kompletaj kongresprogramoj* estos baldaŭ dissendataj. Grupestroj dezirantaj certan kvanton bonvolu sciigi tion al la L.K.K.

*Por ebligi taŭgan organizadon estas necese ke la L.K.K. ricevu vian aliĝon kiel eble plej baldaŭ. — Sendu ĝin do tuj per pago aŭ ĝiro de 15 fr. — kaj laŭdezire donacojn (senlimajn) al P. Ĉ. K. 1119.10 de XXIV-a Belga Kongreso de Esperanto, Bruĝo.*

*Kvina listo de Kongresanoj :*

54. S-ro Camille Barbier, Lophem.
55. S-ro Marcel Barbier, Lophem.
56. S-ro Leon Braet, Nieuwpoort.
57. S-ino Leon Braet, Nieuwpoort.
58. S-ro Emile Jacques, La Louvière.
59. S-ino M. Algrain-Coucke, Bruĝo.
60. F-ino Andrée Algrain, Bruĝo.

ĈU VIA nomo jam aperis tie ĉi?
VI deziras ke ĝi aperu proksiman monaton?

SENDU do tuj 15 Fr. al la P.Ĉ.K. 1119.10 de « XXIV-a Belga Kongreso de Esperanto », Bruĝo.

## Helpu la organizantojn per frua aliĝo !

### Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h.: leciono de la perfektiga kurso; je 21 h.: kunsido laŭ indikita programo.

La 6an de Aprilo : Gramofonvespero ĉe G-roj Faes, Schoenmarkt, 16, je la 21a horo.

La 13an : Mitulvespero en salono de kafejo « Roode Hoed » (Rioolstraat, 3, rue de l'Aqueduc, aŭ Oude Koornmarkt, 25, Vieux Marché au Blé), kunveno je la 20 h. 30. Alkonduku familianojn. Post la manĝado estos okazo por restadi intime kune.

La 20an : Pask-ova vespero : Forlotado de Paskaj ovoj. La postan tagon (Dimanĉon de Pasko), oni laŭdezire aranĝos intiman kuneston por la infanoj de la gemembroj. Detaloj dum la semajnaj kunsidoj kaj ĉe la sekretario.

La 27-an : Parolado de S-ro H. Boffejon, kiu priparolas la pliviglígon de la movado.

La 28-an (Dimanĉon) : unua ekskurso de la sezono. Kunveno je la 8 kaj 3/4 je la finhalto de la tramoj al Mariaburg, ĉu Paardenmarkt-Klapdorp ĉu Victorieplaats, se la ŝanĝo intertempe ekestis. Vidu pri tio la komunikojn en la gazetaro.

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiujaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

La 2-an de Aprilo : je la 20-a, ordinara kunveno en « Oud Brugge »; je la 20 1/2a, en la sidejo « Cornet d'Or » : Kantvespero, sub gvidado de S-ino Ch. Poupeye; F-ino A. Boereboom kaj S-ro G. Groothaert. Dum la ripozoj : Poŝtmarka borso.

La 9-an : a) Supera Kurso, 5-a leciono de F-ino Y. Thooris. b) Humoraĵoj. Prez. S-ro G. E. Guillaume.

La 16-an : en la grupo sidejo « Cornet d'Or — Gouden Hoorn ». Vizito de Ges-roj A. Humez el Douai (Francujo) ; je la 19-a : komuna vespermanĝo; je la 20-a : Parolado de S-ro A. Humez, Del. U.E.A. Douai : « Vojaĝo ĉirkaŭ la tablo ». Prez. F-ino Y. Thooris. Ĉeestos delegitoj de la Bruĝa Asocio de Hotelestroj.

La 23-an : Konkursoj kun premioj, prez. S-ro Ch. Poupeye.

La 30-an : a) Supera Kurso, 6-a leciono de F-ino Y. Thooris; b) Intima Interparolado. Prez. F-ino Y. Hubrecht.

N. B. a) La grupa biblioteko estas malfermata en la grupa sidejo : Hotelo « Cornet d'Or », ĉiumarde de la 19,30-a ĝis la 20-a. Bibliotekistoj : S-roj Ch. kaj J. Decoster. — b) Tie ankaŭ je la samaj tago kaj horo vendado kaj mendado de esperantaĵoj, libroj, leterpaperoj, kovertoj, poŝtkartoj, k.t.p.

c) Tie ankoraŭ, *ĉiuvendrede je la 20-a,* leciono de praktika interparolado, sub gvidado de F-ino Y. Thooris, kaj poste DANCLECIONO sub gvidado de S-ro P. De Vooght.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

La 1-an de Aprilo : S-ino Elly Staes prezidos.

La 8-an : F-ino Jennen faros paroladon pri Skotlando

La 15-an : S-ro Lavisse prezidos.

La 22-an : Paska lundo. Kunveno ne okazos.

La 29-an : F-ino Kestens prezidos.

GENTO. — « **Genta Grupo Esperantista** » — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 : ĉiumerkrede je la 7ª vespere.

a) Unuagradaj kaj perfektigaj kursoj; b) en « Hôtel Colombophile », Bulvardo de la Zoologia Ĝardeno n-ro 6 : la 2an jadon de ĉiumonato : Ĝenerala kunveno.

11-an de Aprilo (ĵaŭdon) : S-ro De Maertelaere parolos pri : « La estintaj Romaj Konkursoj ».

Poste oni priparolos la eblecon de « Literatura konkurso » inter la gemembroj.

LIEĜO. — « **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ».

CHENEE: perfektiga kunveno, ĉiulunde, je 7a horo, ĉe F-ino Baiwir, rue des Grands Prés, 72.

LIEĜO: perfektiga kunveno, ĵaŭdon 11-an de Aprilo je 8a horo en « Hôtel du Phare », place Maréchal Foch.

SCLESSIN: perfektiga kunveno, ĵaŭdon 4-an de Aprilo, je 7 h. 30 en Kafejo Dechesne, rue Ernest Solvay, 1.

## Grupaj Raportoj

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — La du unuajn sabatojn de la monato de Marto okazis intimaj kunsidoj. La 10an la membroj iris al la enterigejo kie ripozas la Prezidinto de la Societo S-ro Frans Schoofs. Detaloj pri tiu ĉi ceremonio la leganto trovos en alia loko de tiu ĉi numero. La 16an okazis Kabaredvespero, kiu plej bone sukcesis. Multaj membroj ĉeestis kaj aplaŭdis la organizantinon S-inon J. Van der Veken-Van Bockel, kiu kapablis kunmeti plej allogan programon, dank'al la kunhelpo de S-ino Faes-Janssens, kiu aŭdigis plej belajn piano-ariojn, de F-ino Juliette Van Eeckhoven, kiu kun S-ro Sielens, plej lerte montris geedzan disputon, kaj de S-roj Ameryckx, kies belan voĉon ĉiuj jam konas, Van der Veken, kies karikaturemajn kapablecojn ĉiuj jam refoje aplaŭdis, kaj kiu kun S-ro Faes, prezentis plej interesan antaŭludon kaj fine S-ron Sielens, jam cititan, kiu krome ankaŭ deklamadis spritaĵojn.

Ĉiuj tiuj kunlaborintoj meritas plej larĝan gratulon. La vespero finiĝis per konkurso de la plej originala paperĉapelo: S-ino Boffejon gajnis la premion por la virina ĉapelo, S-ro Faes por la vira.

La 30an plej vigla mezfasta kostumita Balo kunvenigis multnombran mmebraron.

**BRUĜO. — " Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — La 12-an de Februaro, okazis debato: « Por kaj kontraŭ tabako » sub prezido de S-ro G. E. Guillaume. — S-ro Ch. Poupeye parolis « por » kaj S-ro R. Groverman « kontraŭ ». Interesa pridiskutado sekvis.

La 19-an, S-ro H. Delcloo faris interesan paroladon pri la « fabrikado de lumgaso ». Li sukcese klarigis multajn teĥnikajn detalojn de tiu industrio.

La ĝenerala Jarkunveno de la grupo okazis la 26-an, kun multnombra ĉeestantaro. F-ino Y. Thooris, Prezidantino, prezentis moralan raporton; S-ro Ch. Poupeye, sekretario, raportis pri la grupa vivo dum la pasinta jaro kaj S-ro G. E. Guillaume, kasisto, konigis la staton de la kaso; el tiuj tri aklame aprobitaj raportoj rezultas, ke la Bruĝa Grupo restas sana, vivoplena kaj... nekredebla fakto.. ke ĝi ŝajne ne suferas pro la nuna krizo! Post tiuj raportoj, propono de nova regularo estis pridiskutata kaj aprobata. Diversaj aliaj proponoj plenigis la tagordon de tiu vigla kunveno.

La bruĝaj samideanoj festis Karnavalon en sia propra medio, per bone sukcesinta kant- kaj dancvespero, okazinta la 5-an de Marto en la grupa sidejo.

La 12-an, estis la unua datreveno de la morto de nia karmemora Frans Schoofs. Malfermante la tiutagan kunvenon, F-ino Y. Thooris pri tio rememorigis, kaj, je tiu okazo, antaŭlegis la funebran paroladon faritan de D-ro Zamenhof super la tombo de Carlo Bourlet († 1913).

La 19-an okazis plia leciono de la supera kurso, dum kiu la gvidantino, F-ino Y. Thooris, legigis kaj klarigis foiran propagandilon: « Paris dum Printempo ». — La dua duono de la vespero estis dediĉata al kartludado « Lexicon ».

**BRUSELO. — " Esperantista Brusela Grupo ".** — La 11an de Februaro S-ro Lavisse prezidis. Li legis diversajn artikolojn el « La Pirato », poste kelkaj membroj legis aŭ rakontis historietojn. S-ro Alofs tradukis poeziojn kaj aŭdigis ilin unuafoje.

La 18an de Februaro ni ricevis la viziton de 2 Nederlandaj Samideanoj el Amsterdam, kiuj faris la vojaĝon ire kaj revene piede, vizitante multajn Esperanto-grupojn laŭvoje, en Hispanujo, Francujo kaj Belgujo. Ili faris interesan raporton pri siaj travivaĵoj.

La 25an de Februaro S-ro Swinne prezidis. Li organizis debaton pri « Inflacio kaj deflacio », kiun partoprenis pluraj ĉeestantoj. S-ro Alofs prezentis, per kantado, plurajn novajn kantojn esperantigitajn de li mem.

La 4-an de Marto, S-ro Castel prezidis. Li organizis debaton pri la temo: « Racia edziĝo aŭ ama edziĝo ». Netrovinte advokatojn por aŭ kontraŭ, li mem fariĝis la elokventa defendanto de ambaŭ tezoj, lasante al ĉiu la elekton agi laŭ sia plaĉo.

La 11an de Marto F-ino Obozinski prezidis. Ŝi organizis societludon tre utilan por la lernantoj.

**GENTO. — " Genta Grupo Esperantista ".** — Laboriga vento blovis sur la grupon. Dank'al la fervoro de kelkaj membroj speciala propogando estis farata por novaj kursoj kiuj okazis je fino de Februaro kun 25 glernantoj.

La 21an de Februaro kaj la 21an de Marto, dum ĝenerala kunveno, oni pristudis la rimedojn por diskonigi Esperanton al la publiko. Laŭ la alprenitaj decidoj oni povas esperi bonajn rezultatojn por la estonteco.

**LIEĜO. — Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — La 28-an de Februaro kunvenis la Lieĝa grupo por reorganizi la grupan agadon. Estis elektataj, kiel prezidanto S-ro Profesoro Leroy, kiel vic-prezidantoj S-roj Inĝeniero Magotteaux k. Turc; estis komisiata funkcii provizore, kiel sekretario S-ro Denise (place Henri Simon, 16, Lieĝo).

La nova komitato restarigis la perfektigajn kunsidojn, kiuj okazos la duan ĵaŭdon de ĉiu monato, provizore en « Hôtel du Phare », place du Maréchal Foch, je 20a horo.

La grupo ankaŭ serioze pristudas la malfermon de novaj kursoj nome ĉe Universitato.

## Adresŝanĝo.

La 1-5-1935 S-ro G. Vermandere transloĝos al Wetstrato, 15, Antverpeno (privata kaj komerca adreso).

## Malnovaj libroj.

Por donaci al publika biblioteko, S-ro Vermandere, Wetstrato 15, Antverpeno, petas malnovajn (eventuale ankaŭ novajn) esp. lerno- kaj legolibrojn; aliaj libroj estas ankaŭ plezure akceptataj. Sendkostoj repagotaj.

## EKZAMENO PRI PROFESORA KAPABLECO

Dum la Kongreso de Bruĝo diversaj el niaj bonaj membroj klopodos akiri tiun diplomon.

La diplomdisdono okazos dum la Kongreso mem, ĉar la laboroj finiĝos ĉiuj sabate vespere.

La partoprenprezo estas Fr. 50,—.

## IĜU BONFARANTA MEMBRO

# La Gazetaro parolas...

**Redaktas: H. A. R. S.**

Sub tiu ĉi rubriko ni regule mencios la interesajn novaĵojn propagandajn kaj movadajn, el la internacia esp-o-gazetaro.

Enkondukante ĉi tiun rubrikon, unue ni eldiru koran bonvenon al kelkaj *novaj organoj* :

— LA JUNA VIVO — dusemajna organo por la junularo. La revueto, destinita por infanoj, sed uzebla de ĉiuj komencantoj, estas modele eldonita, sur bona papero kaj kun interesa enhavo. Kvanto: 5000—7000; Redakcio kaj Administracio: West-Graftdijk (N. H.) Nederlando. — Abonprezo: 15 b. fr. — Provnumero senpage.

— HOMO KAJ MONDO. — Nova jurnaleto enhavanta distraĵojn, novaĵojn kaj humoraĵojn. — Eld.: L. Zimmer, Ujpest, Yorkai-u 36, Hungarujo.

— TEMPO — monata gazeto japana, jarabono: 1,20 jenoj. Ĝi celas esti libera parolejo kaj praktikejo pri la ĉiutaga vivo de Esperantistoj. La bela eldono plaĉas kaj se la redakcio pluiros sur la elektita vojo ĝi certe rikoltos sukceson.

— LA VERDA REVUO — sendependa revuo, pri arto, scienco kaj amuzo. Abonprezo sv. fr. 3,—. Eld.: Wien VII, Hermanngasse 31-26 Aŭstrujo. Tiu ĉi periodaĵo indas kuŝi apud kiu ajn alia; ni gratulas!

Al ĉiuj ĉi supre nomitaj gazetoj ni deziras longan kaj fruktedonan vivon.

— EUROPEAN HERALD: tiu ĉi granda diverslingve redaktata ĵurnalo, nun ankaŭ uzas Esperanton. Tio estas grava sukceso por niaj propagandistoj.

— HUNGARA HEROLDO. — H.H. reaperis kiel kvaronjaraĵo, tute en Esp-o, kun subtitolo « Mezeŭropa Revuo ». Redaktoro: L. Kökeny. La plaĉa revuo enhavas artikolojn kaj informojn pri Hungarujo, kaj ankaŭ diversajn interesajn rubrikojn. 32 p. 15,5×23. Abonprezo: 4 sv. fr. Eld. Budapest, X, Pongrac-ut 17. F. 6-3.

— THE BRITISH ESPERANTIST — B. E. prezentis sin sub nova vesto; pro la multaj kronikoj kiuj regule aperas, ĝi nepre devis pliampleksiĝi. Ni retrovis la «Radio-Rubriko»n kiu siatempe troviĝis en International Language (ĝin redaktas nia amiko E. D. Durrant).

La Brita Asocio kunmetis trijarplanon, kaj unu el la punktoj, se eble, efektivigotaj, estas la starigo de Esperanto-domo!

— LABORISTA ESPERANTISTO: «Ons Taalblad» ne plu aperos en tiu ĉi gazeto. Ni nur povas bedaŭri tion, ĉar la malapero estos grava perdo por multaj nederlandlingvanoj.

— FRANCA ESPERANTISTO — F. E. eniris sian duan vivojaron. Bonege redaktata, ĝi estas inda daŭrigo de la malaperinta « La Movado ».

— ESPERANTOBLADET, NORVEGA ESPERANTISTO — La Sved-Internacia Gazetservo kiu ĉiusemajne dissendas mallongajn artikolojn pri komerco, scienco kaj industrio svedaj uzas nun ankaŭ Esperanton por tiuj diskoniĝoj. « Nova venko por Nia Afero ».

— ESPERANTO (U. E. A.) — S-ro G-lo L. Bastien, prezidanto de U.E.A., festis sian 65an naskiĝfeston. Korajn bondezirojn!

La Akademio pristudis la problemon pri internacia normigo de la diplomoj. Denun la profesoroj diplomitaj de Belga Ligo Esperantista povos aldoni post sia nomo, N. I. D. (norma instrua diplomo).

## BIBLIOGRAFIO

*PLENA VORTARO DE ESPERANTO. — Verkita de Prof. Grosjean-Maupin; direktoro de la Sekcio « Komuna Vortaro » de la Esperantista Akademio; A. Esselin L. K.; S. Grenkamp L. K.; Prof. G. Waringhien. — Eldonis: Sennacieca Asocio Tutmonda, 67, Avenue Gambetta, Paris XX^e, 2a eldono: 1934, fortike bindita 511 p.; 15×20; prezo: 90,— b. fr.*

Grosjean-Maupin — la Vortministro
regas kun suverena forto...
Grenkamp ankaŭ gramatikas,
vortaras kun spectec' fakscia...
Waringhien — vortsencojn fiksas,
kolektas riĉajn sinonimojn...

Ni ree pensis pri la ĉi supraj versoj de Kalocsay, kiam ni vidis la imponan volumon menciitan.

Ĝenerale, vortaro estas libro, kiun oni ofte kontraŭvole kaj pro nepra neceso konsultas. La kompetenta Kvaro sendube sciis tion kaj faris de la prezentita verko, vortaron kiun oni povas legi kaj ĝui, libron kiu konstante instruas.

La kompilintoj bone atentis la rimarkon de Larousse « un dictionnaire sans exemples est un squelette » (vortaro sen ekzemploj estas skeleto), kaj ne timis doni dek ekzemplojn kaj eĉ pli, por multaj vortoj.

La vortaro kiu enhavas centojn da vere sciencaj kaj fakaj esprimoj estos utila al kiu ajn Esperantisto, kaj vere meritas la epiteton « majstra »!

Unuvorte estas verko pri kiu la eldonintoj same kiel ĉiuj kompilintoj rajtas fieri kaj kiun ni tial duafoje kaj plenfide rekomendas al la belga Esperantistaro.

*LA VIVO DE NIA SINJORO JESUO, de CHARLES DICKENS. — Unue eldonita en la angla lingvo dum Marto 1934. Esperanta traduko de M. C. Butler. Prezo 6 ŝ. afranko 6 d. Luksa eldono, 120 p.; 17×24; Eld.: The Esperanto Publishing Company Ltd. Havebla ĉe la Brita Esperantista Asocio, 142 High Holborn, London W.C. 1.*

Antaŭ kelkaj jaroj la « Historio de Kristo » de G. Papini, faris grandan bruon; ĝi estis tradukata en 22 lingvojn. Sed nun nova verko aperis kaj sendube estas triumfonta en la tuta mondo, nome: « La Vivo de nia Sinjoro Jesuo », tradukita de M. C. Butler. Tiu ĉi verko meritas nian specialan atenton, tial ke ĝi estas nur eldonita anglalingve en Marto 1934a. Dickens ĝin estis verkinta por siaj infanoj, kaj certe ne havis la intencon publikigi ĝin. Ĝi do al ni donas la okazon penetri en la aŭtorspiriton, pli profunden, ol tion permesas liaj aliaj verkoj.

Ni kredas ke malgranda biografia noto pri la verkinto ne estus senutila por multaj alilandanoj.

La nomo de Montagu C. Butler garantias perfektan tradukon, pro kiu ni devas gratuli lin. Dankon ankaŭ al la eldonintoj, kiuj liveris libron artan kaj luksan, kiu en ĉies biblioteko estos kaj longe restos unu el la « perloj ».

La libro estas same interesplena por katolikoj kiel por nekatolikoj.

*SVEDA ANTOLOGIO. — Vol. I. — REDAKTIS: SAM. JANSSON, BJARNE BECKMAN, ARNE LENNER. — Eld.: Eldona Societo Esperanto. Stockholm. 1934. Bindita, 228 p., 15×23, prezo: 5 kr.*

Tiun ĉi antologion kies unua volumo kuŝas antaŭ ni, ni ĝuis de la unua ĝis la lasta vorto! Kiel ĉiuj svedaj eldonitaĵoj ankaŭ tiu ĉi libro estas presita sur bela fortika papero, per simplaj distingeblaj literoj, ornamita per alloga kovrilo, tial

ĝi ne nur estas bonefika por la menso kaj spirito sed ankaŭ por la okuloj de vera libro-amanto. La poeziaĵoj ne abundas en la libro. La nomoj de la poeziotradukintoj tamen garantias la artecon. (M. Carlsson, G. Johansson, S. Engholm, V. Thilander).

Ni trovas belan prozon de sep grandaj figuroj kaj la granda nombro da paĝoj, kiun oni dediĉis al ĉiu el ili, permesas al ni vere penetri en la pensojn kaj animstatojn de la respektivaj verkistoj.

Interesa skizo de S-ro Bjarne Beckman pri « Sveda Literaturo 1880-1920 » jam valoras la aĉeton de la libro. Ni nur volus atentigi la kompilintojn — kiujn ni pro ilia zorga kaj plensukcesinta laboro tutkore gratulas — pri la fakto ke la libro estus ankoraŭ pli interesa, se por ĉiu verkisto, antaŭ la tradukoj ni trovus malgrandan biografion kiel ekzemple en la « Belga Antologio ».

Estas nia sincera deziro, ke la libro trovu multajn aĉetantojn, kaj ke la sekvonta volumo estos inda konkursi kun la unua.

*UNUA SLOVAKA KRISTANA PRINCO, laŭ verko de D-ro J. Hodal kompilis kaj el la slovaka tradukis St. Kamaryt. Eldonis Komitato de Pribinafestoj en Nitra, komisiita por propagando: Slovaka Porfremdula Asocio en Bratislava. Ĉeĥoslovakio.*

*TEORIO DE SOCIA VIVO de Okamoto-Rikiĉi. VIIIa Volumo de Evangelioj de Belismo. Eldono de Belisma-Koopera-Kulturejo. Tokio. 37 Paĝoj. 13×19 cm. Prezo ne montrita.*

*REALIGO DE NORMA SOCIO de Okamoto-Rikiĉi. IXa Volumo de Evangelioj de Belismo. Eldono de Belisma-Koopera-Kulturejo. Tokio. 42 Paĝoj. 13×19 cm. Pr. ne montrita.*

*K. R. C. STURMER: Notlibro de Praktika Esperantisto, 128 paĝa, formato 13,5×20 cm. kun dukolora kovrilo. Prezo broŝurita svfr. 2,50, bindita svfr. 4,— plus 10 % por sendkostoj. Por membroj de AELA nur 60 % de la vendoprezo. Eldonis Literatura Mondo, Budapest.*

*KAN KIKUĈI: Amo de Toojuuroo kaj du aliaj teatraĵoj. El la japana tradukis Joŝiŝi Simomura. 88 paĝa, formato 20×13,5 cm. Prezo: broŝurita 1,20 svfr. plus 10 % por sendkostoj. Por AELA-membroj nur 60 % de la vendoprezo. Eldonis Literatura Mondo, Budapest.*

*JELUŜIĈ: CEZARO. Tradukis Ivo Rotkviq. Eldonis Literatura Mondo, Budapest, Mester-u. 53. 536 paĝa. Formato 20×23,5 cm. Kun bela kovrilpaĝo. Prezo: broŝurita svfr. 9,—, bindita svfr. 11,— plus 10 p.c. por sendkostoj. La tria libro de la Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj por la jaro 1934.*

*THEODOR HERZL: LA JUDA ŜTATO. Tradukis Bernhard Selzer. Eldonis Literatura Mondo, Budapest, Mester-u. 53. 144-paĝa. Formato 20×13,5 cm. Arte kliŝita kovrilo. Prezo: broŝurita svfr. 2,70, bindita svfr. 4,20 plus 10 p.c. por sendkostoj. Por la membroj de AELA respektive svfr. 1,40 kaj 2,30.*

*RAINER MARIA RILKE: LETEROJ AL JUNA POETO. Tradukis A. Münz. Eldonis Literatura Mondo, Budapest, Mester-u. 53. 48-paĝa. Formato 20×13,5 cm. Prezo: nur bindita svfr. 1,50. Por membroj de AELA svfr. 8,80.*

*HENDRIK ADAMSON: AULI, Rakonto pri Knabeto. Eldonis Literatura Mondo, Budapest, Mester-u. 53. 88-paĝa. Formato 19×13,5 cm. Prezo: broŝ. svfr. 1,60, bind. svfr. 3.— plus 10 p.c. por sendkostoj. La sesa libro de AELA 1934.*

*DEKDU POETOJ: Redaktis Kalocsay. Poemlibro de Adamson, Hilda Dresen, Price-Heywood, Hovorka, Kurzens, Maura, Newell, Nunez-Dubus, Schauhuber, Stillman, Szilágyi, Totsche. Eldonis Literatura Mondo, Budapest, Mester-u. 53. 128-paĝa. Formato 11,5×15,5 cm. Prezo: broŝ. svfr. 2,50, luksa: 3,20; bind. svfr. 4,—; luksa: 5,— plus 10 p.c. por sendkosto. La sepa libro de AELA 1934.*

*KONATIĜU KUN MI: luksa katalogo beleilustrita, pri la eldonaĵoj de Literatura Mondo. Budapest. Havebla senpage en la B.E.I. Willemstrato 21, Antverpeno.*



---

## PROBLEMOJ.

Ĉi sube ni donas la duan jam aperintan problemon kun novaj, pli simplaj klarigoj.

Kiel en la antaŭa numeroj, la leganto mem bonvolu desegni kvadrataron de 10 kvadratoj horizontale kaj vertikale. En ĝi, li metu la ciferojn laŭ suba maniero: Kie ni metis 0, li nenion metu; kie ni metis nigran signeton, li nigrigu la kvadraton, ĉar en ĝi, ni ne antaŭvidis literon:

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 0 | 8 | 9 |
| 10 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | ■ | 11 | 0 | 0 |
| 12 | 0 | 0 | 0 | 0 | ■ | ■ | 13 | 0 | 0 |
| 14 | 0 | ■ | ■ | 15 | 16 | 17 | ■ | 18 | 0 |
| 19 | 0 | 0 | 20 | 0 | 0 | 0 | 0 | ■ | 0 |
| 21 | 0 | ■ | 22 | 0 | 0 | 0 | ■ | 23 | 0 |
| 0 | ■ | 24 | 0 | 0 | 0 | 0 | ■ | 25 | 0 |
| 0 | ■ | ■ | 0 | ■ | 0 | ■ | 26 | 0 | 0 |
| 27 | 28 | 29 | 0 | 30 | ■ | 31 | 0 | 0 | 0 |
| 32 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 |

HORIZONTAL): 1. Persono, kiun oni ne ŝatas akcepti en sia hejmo; 10. blanka argilo, el kiu oni fabrikas porcelanon; 11. celeria legomo; 12. brueto; 13. medicina kreskaĵo; 14. sufikso; 15. kiun oni ŝatas aŭ amas; 18. disdividiga prepozicio; 19. altranga ĥina ŝtatoficisto; 21. kvalito; 22. sola; 23. kvarono de ŝrapnelo; 24. drinkulo ĝin ŝatas; 25. du vokaloj; 26. skrapi kampon; 27. blanka membrano, kiu envolvas la globon de la okulo; 31. nacia nomo; 32. scienco.

VERTIKALE: 1. juĝanto; 2. kreskaĵo familio; 3. frukto; 4. reĝo el la manova historio; 5. speco de muzikverko por unu voĉo; 6 sufikso; 7. araba vilaĝo, konsistanta el tendoj ronde starantaj; 8. tufo el haroj, silko, k.t.p.; 9. ŝtonbora arto; 16. malgranda ario; 17. kun am'o ĝi vivigas jurnalon; 20. parto de la maldika intesto, troviĝanta malantaŭ la stomako; 23. angla polica magistrato; 26. triono de evangelio; 28. konjunkcio; 29. litero; 31. kun «o» estas unu el la plej kutimaj mallongigoj.

## Por la jam diplomitaj profesoroj.

« Belga Esperanto-Instituto » ĵus fabrikigis specialan stelinsigneton, kunmetitan el la Esperanto-stelo, ornamita per du oraj palmetoj.

Tiu ĉi insigno estos speciale rezervata al la profesoroj, kiuj akiris la oficialan diplomon pri profesora kapableco de « Belga Ligo Esperantista ».

Ĉiuj, kiuj posedas la diplomon mendu tiun insignon al « Belga Esperanto-Instituto », Willemsstrato, 21, Antverpeno, (ĝi kostas Fr. 5,—) kaj portu ĝin. Tio instigos la aliajn grupajn profesorojn, kiuj tre certe kapablas akiri la diplomon, sed hezitas antaŭ ekzameno, tamen sin enskribi kaj tiel pligrandigi la taĉmenton de tiuj laborantoj pri kiuj ni al la granda ne-esperanta publiko oficiale rajtas aserti, ke ili estas kompetentaj profesoroj de nia kara lingvo.



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.